


N-ro 27 20.1.1974 sesa jaro, n-ro 1

Afergvidanto de AREK: Ivar PAULSSON, Algatan 3, S-171 33 SOLNA (Svedujo), p.ĉ.k. 51 57 85-4; redaktoro de "FENIKSO": d-ro Antonio DE SALVO, via Olbia 15, I-00182 ROMA (Italujo); jara kotizo: 10 kuponoj aŭ egalvaloro (interesitoj en landoj kun transpagaj problemoj kontaktu la redaktoron, kiu klopodos trovi solvon).

## LA REDAKTORO RAPORTAS PRI FENIKSO 1973

La jaro 1973 ne estis favora jaro, pro diversaj kaŭzoj: unue, la itala poŝto strikis dum pli ol unu monato, inter aprilo kaj majo (tiel, ke n-ro 25 grandparte perdiĝis, kaj mi devis ĝin resendi duan fojon); poste, la doganistoj de socialismaj landoj preskaŭ komplete konfiskis la senditaĵojn (tiel, ke mi devis ilin resendi registrite, aŭ interne de letero); krome, la itala poŝto daŭre misfunkcias (la afranko estas nekredeble malalta kompare kun la aliaj landoj, sed ankaŭ la servo estas malalta); fine, la ekonomia krizo kaŭzis terurajn plialtigojn de la prezoj de papero, kiu preskaŭ duobliĝis. Jen kial mi ne povis pretigi pliajn numerojn de la revuo dum 1973, des pli, ke pro la konataj doganaj malfaciloj la stampo-banko de AREK ne havis la eblecon

plenritme (kaj fruktodone por la kaso de AREK) funkcii. Oni aldonu, ankaŭ, ke pro la diritaj malglataĵoj en la kontaktoj inter la AREK-anoj kaj mi, la kunlaboro /per sciigoj kaj materialo/ iom lamis; kaj fine, oni konsideru konkretan fakton, nome, ke dum pasinta jaro ne estis kontentiga la nombro (kaj la kvalito, en multaj kazoj) de la aperintaj E-aĵoj.

Mi esperas, ke la aferoj pliboniĝos dum 1974; miaflanke, mi faros mian eblon, kvankam en majo atendas min hejma trandlokiĝo (mi devos forporti, interalie, pli ol 8 kvintalojn da Esperanto-eldonaĵoj, kaj pli ol 120 filatelajn albumojn...).

Mi dankas ĉiujn, kiuj helpis min ĝis nun, kaj petas afablan kunlaboron ankaŭ en la estonto.

Por iel mildigi la menciitan fenomenon de presaĵoj, kiuj malfacile atingas kelkajn landojn, mi akordiĝis kun s-ro BIESIADA, dum lia ĵusa restado en Romo, ke ek de nun mi sendos al lia adreso ĉiujn numerojn de la AREK-anoj loĝantaj en socialismaj landoj, per registrita poŝto, kaj li plusendos ilin al la interesitoj. Mi kaptas la okazon por danki s-ron BIESIADA pro ĉi tiu kunlaboro, kaj petas, ke la AREK-anoj bonvolu ĉiufoje konfirmi al mi, ke ili ricevis la koncernan numeron, por ke eventuale mi povu sendi duan ekzempleron, se tamen ĝi ne alvenis.

Mi esperas, ke tiamaniere malpliiĝos la elspezoj de AREK, ĉar supozeble oni povos fari mapligrandan eldonkvanton (dum 1973 mi devis eldoni 100 ekzemplerojn por 60 personoj!!), kaj ankaŭ oni povos ŝpari la altegajn kostojn de registrado kaj perletera sendado.

Kun ĉi tiu espero, mi bondeziras al ĉiuj fruktodonan 1974, en la kolektado kaj en la vivo.

Antonio DE SALVO, ROMA (Italujo)

## ESPERANTO-TUTAĴO EN HUNGARUJO

Grava atingo de la hungara esperanto-movado estis la eldono de Esperanto-tutaĵo (karto, kun enpresita poŝtmarko), okaze de la 3-a Vintra Esperantista Ferio (V.E.F.) en Budapeŝto.

La bildo de la poŝtmarko (en valoro de 60 fileroj) prezentas la skribaĵon en Esperanto "LINGVO INTERNACIA ESPERANTO", stelon kun litero E, kaj 2 duon-globojn; la koloro estas verda.

Temas pri vere interesa novaĵo, ĉar ĝis nun ekzistis nur 3 plene oficialaj Esperanto-tutaĵoj, eldonitaj de Pollando, dum pluraj centoj da tutaĵoj, precipe antaŭmilitaj, surhavas klarigojn ankaŭ en Esperanto.

Antonio DE SALVO, Roma (Italujo)

## ĈU APEROS ESPERANTO-POŜTMARKO ?

Laŭ deklaro de s-ro Rafael DEVIS, sekretario de la organiza komitato de la venonta Internacia Kongreso de IFEF/ Esperantistaj Fervojistoj (kiu okazos en la hispana urbo TARRAGONA de la 16-a ĝis la 18-a de majo 1974, la fako "'Informado kaj Publikaj Rilatoj" de RENFE/ Hispanaj ŝtatfervojoj proponis la ideon, ke aperu poŝtmarko pri la Kongreso. La organiza komitato pretigis skizon, kiu estis transdonita al la Poŝta Ministerio; nun oni atendas la koncernajn decidojn.

Antonio DE SALVO, Roma, Italujo

Metodija Gligorov GALESKI, Pelisterska 4, YU-97500 PRILEP (Jugoslavio), membro 58, kol.: E-ins kaj blazonoj, E-glm, E-pk.

AREK esprimas publikan dankon pro mondonaco, ricevita de sinjorino JENSEN pere de s-ro WLUKA, sekve de la sindona agado de s-ro PAULSSON por aranĝi la aferojn koncerne la glumarkojn postlasitajn de s-ro JENSEN.

[ESPERANTO-FILATELAĴoj] RICEVIS PREMION

Okaze de la celebradoj memore al la 500-jara datreveno de la naskiĝo de N. Koperniko, estis aranĝita en Poznań, Pollando, grandioza filatela mondekspozicio, nomita "POLSKA 1973"; pri tiu ekspozicio, kiu okupis la atenton de la monda filatelistoj dum la tuta jaro 1973, amplekse raportis la faka kaj ordinara gazetaro.

En la kadro de ĉi tiu prestiĝa, neesperantista aranĝo, kiu okazis de la 19-a de aŭgusto ĝis la 2-a de septembro, estis prezentita ankaŭ laŭtema kolekto de nia membro s-ro Dolfa BARTOŜIK el Prago, Ĉeĥoslovakujo, kun titolo "Historio kaj nuntempo de Esperanto". El 13 laŭtemaj kolektoj de Ĉeĥoslovakujo, sole tiu de s-ro Bartoŝik ricevis premion, nome grandan orumitan medalon kaj honorpremion.

La sama kolekto estis poste prezentita en la tutŝtata filatela ekspozicio "TEMAFILA 1973" en la ĉeĥoslovaka urbo Sezimovo Ústí, kie ĝi denove gajnis grandan orumitan medalon kaj honorpremion.

La 11-an de oktobro 1973, la ĉeĥoslovaka televido en sia 1-a programo, prezentis la kolekton, kun mallonga komentario.

Gratulojn al s-ro BARTOŜIK!

Antonio DE SALVO, Roma, Italujo
(teksto elsendita de RADIO ROMA/ESPERANTO)

NOVA ADRESO: sekve de lia edziĝo (pro kiu ni multe gratulas), s-ro Vladimir HASALA havas nun novan adreson: ČS - 789 64 RAŜKOV 95, okr. Ŝumperk, Ĉeĥoslovakujo. Li aparte interesiĝas pri E-insignoj, kaj al li estas speciale konfidita la tasko aranĝi ĉi tiun kolekto-sektoron interne de AREK.

## PRI GREKAJ ESPERANTO-STAMPOJ

S-ro BURMEISTER skribis al mi, interalie: "La Atena stampo ankoraŭ por mi estas mistera, kiu povas ion diri pri poŝtejo, kie tiu stampo estis uzita? kio min, kiel katalogiston, interesus, estas: ĉu vere temas pri poŝta stampo? Se jes, tiam la kvanto de mil ekzempleroj vere estas sufiĉe granda. De Glaŭchau/Wismar/Oschatz ekzistas maksimume po 400 ekzempleroj; mi havis po 100, kaj ankoraŭ disponas el tio pri sufiĉa stoko. La samo certe validas por tre multaj aliaj stampoj. Mi ne scias, kiom vi pagis po peco, sed se sufiĉe multe, tiam la afero estas tipe ""kapitalisma"" entrepreno. Aliflanke la prezoj dependas ankaŭ de la kostoj. En GDR, ekzemple, unu mendita stampo kostas inter 240 kaj 400 germanaj markoj (tiun sumon la mendinta organizaĵo devas pagi. Krome, estas preskostoj por kovertoj, kostoj por kliŝoj kaj, nelaste, la poŝtmarko. La ĝisnunaj stampoj en GDR, ekzemple, kaŭzis sufiĉan deficiton; ne eblas gajni monon per stampoj (ĉe ni), kaj ni elspezas la monon nur pro propagandaj celoj".

Efektive, ankaŭ mi multe ŝatus scii, ĉu temas pri vere poŝta stampo; siatempe, la organiza komitato anoncis "poŝtstampon" okaze de la Postkongreso, sed mi ne povas doni detalojn, ĉar mi ne ĉeestis enAteno. Mi petis klarigojn de unu el la organizintoj, sed ĝis nun vane. Mi ankaŭ petis klarigojn pri alia greka stampo, kiu antaŭ nelonge mi ricevis (donace) de tiu sama persono; ĝi estas ronda, kaj diras en latinaj literoj "SEMED '72", kaj en grekaj "ESPERANTIKON MEZOTELASON SEMINARION". La dato estas 30.7.72. Temas, evidente, pri la Seminario Mediteranea okazinta en Retimno (la nomo de la urbo aperas en la stampo); sed, kiu povas diri, ĉu temas pri efektive poŝta stampo? Mi ankoraŭ esploros, ankaŭ ĉe partoprenintoj en la Seminario.

Antonio DE SALVO, Roma (Italujo)

## JULES VERNE KAJ ESPERANTO

Konsiderante, ke la granda franca verkisto Jules Verne estis jam plurfoje honorigita per francaj kaj Monakaj poŝtmarkoj (kaj eble ankaŭ de aliaj landoj: kiu povas esplori?), mi taksas interese transskribi artikolon, aperintan en la numero de januaro 1960 de la revuo "ESPERANTO" (UEA):

"Idealisto kaj pacisto, Jules Verne, pioniro de ĉia homa progreso kaj scivolema pri ĉiu nova eksperimento, simpatiis al Esperanto.
Tiu ĉi fakto estas apenaŭ konata.

Ĉirkaŭ la jaro 1880, li, tiam loĝanta en Amiens (en norda parto de Francujo), ligiĝis kun juna, elokventa deputito en la Franca Asembleo: s-ro Raoul DUVAL, kaj ofte gastigis lin en sia jaĥto.

Raoul Duval estis fanatika Volapukisto, kaj s-ino Marguerite Allotte de la Fuye, nevino de Jules Verne kaj lia biografino, opinias, ke el la konversacioj kun Raoul Duval la Aŭtoro de la "Eksterordinaraj Vojaĝoj" ĉerpis sian interesiĝon pri Esperanto.

Tiam, Verne, kiu kunigis ĉirkaŭ si ĉiuj kulturitajn homojn de la urbo Amiens, amikiĝis ankaŭ al s-ro Charles TASSENCOURT, fondinto de la tiea esperantista grupo, kaj konsentis fariĝi ties Honor-Prezidanto.

Ve! Jules Verne mortis en la jaro 1905. Pri la unua Universala Kongreso de Esperanto li ne eksciis, kaj tro frua morto senigis nin de la projektita romano, kiun li intencis verki favore al Esperanto".

La artikolo estas subskribita de Marcel Delcourt.

ooooooooooooooooOOOOOOOOOOOOOOOOoooooooooooooooo

Mi aĉetas, interŝanĝas kaj vendas poŝtstampojn kaj tutaĵojn pri ĉiuj temoj kaj el ĉiuj landoj. La redaktoro.

NEKUTIMA POŜTSTAMPO EN OSTRAVA

Ekzistas vere rara stampo de la 2-a ĉeĥoslovaka Esperanto-kongreso. Jen kelkaj klarigoj. La kongreso estis kunvokita jam en la jaro 1972, sed poste oni ĝin nuligis, laŭdire pro malbona prepariteco, kaj prokrastis ĝin ĝis la jaro 1973. Ĝi devis okazi en la sama urbo OSTRAVA, ĉio estis jam preparita kaj aperis eĉ speciala stampo; sed nur unu tagon aŭ eble nur kelkajn horojn antaŭ la kongreso ne estis laŭdire tiu kongreso aprobita de oficialaj ŝtataj aŭtoritatuloj pro kaŭzoj, kiuj estas iom misteraj. Fakto estas, ke tiu kongreso ne okazis, sed ĉar ĉiuj kongresanoj estis jam surloke, oni tamen decidis okazigi ian renkontiĝon sub nomo "Prepara kunveno". Pro ĉi tiu fakto venis ankaŭ ordono, ke oni ne uzu la stampon/ĉar ne temas pri kongreso, kaj la stampilo estis oficiale retirita de la poŝta giĉeto. Fakte, do, dum tiu kongreso-kunveno foriris eĉ ne unu poŝtaĵo kun tiu ĉi stampo, kaj kelkajn ekzemplerojn de tiu stampo posedas nur tiuj, kiuj lasis stampigi al si kelkajn kovertojn ankoraŭ antaŭ la kongreso. Jen do la kaŭzo, kial ĝi estas vera raraĵo.

La stampo estas ronda, kun kvinpinta stelo interne de kiu troviĝas la litero E; la dato estas 21.4.1973; la nomo de la urbo OSTRAVA 3. La teksto diras, en esperanto kaj en la ĉeĥa: "2-A KONGRESO DE CEĤA ESPERANTO-ASOCIO".

Vladimir VAŇA ; PLZEŇ, Ĉeĥoslovakujo

KIU HAVAS INTERESON pri novaj porokazaj E-glumarkoj? Sendu 2 int.respkup./plus 1 por afranko/kaj vi ricevos 15 diversajn glm. Mendu tuj! Nur limigitaj kvantoj. Vilmos RADNAI, H-2331 DUNAHARASZTI, P.O.Box 40, Hungarujo.

^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^^

DDR 74 EN KARL-MARX-STADT

En venonta oktobro okazos nacia filatela ekspozicio sub la nomo "DDR 74" en Karl-Marx- Stadt (Germana Demokrata Respubliko). Ni rajtas ekspozicii filatelajn ekspozaĵojn pri aŭ en Esperanto. Krom tio mi intencas okazigi E-filatelan rendevuon internacian, se montriĝas por tio intereso.

Partopreno persona kaj kun ekspozaĵoj (kiuj devas respondi koncerne kvaliton al internaciaj filatelaj reguloj) eblas ankaŭ por eksterlandanoj. Por ekspozaĵoj jurio aljuĝos premiojn en rango de kutimaj medaloj (bronza, arĝenta kaj ora). Ekspozaĵoj devas esti montritaj jam en regionaj (distriktaj) filatelaj ekspozicioj, kaj posedi almenaŭ medalon de arĝenta rango.

Ankaŭ eblas ekspozicii kolekton de E-insignoj kaj glumarkoj, se tiuj kolektoj estas bone ordigitaj.

En la kadro de tiu filatela nacia ekspozicio mi estas ĉeforganizanto por la E-ekspozicio, kiu enhavos ankaŭ elekton el E-literaturo ktp. La ekspozicio staras sub la patronato de "Kulturligo de GDR".

Interesuloj devas tuj sin anonci ĉe:
Philatelistenverband der DDR
DDR-90 KARL-MARX-STADT
Dr. Otto Nuschke Str. 6
(Germana Demokrata Respubliko).

Mi pensas, ke la ekspozicio bone sukcesos, kiel la jam pasinta dum 1967, kie la speciala E-ekspozicio ricevis de la ekspo-estraro oran medalon pro bonega kvalito kaj organizado.

Rudolf BURMEISTER, Karl-Marx-Stadt (GDR)

KUNVENO DUM LA U.K. EN HAMBURGO estas proponata de nia membro s-ro Werner HEIMLICH.

NOVA MEMBRO N. 59: ni bonvenigas sinjoron
Haruja Maekaŭa, 50-304 Edagawa-cho,
Nishinomiya 663, Japanujo
kol.: Pm, Sta, Pk;UTK.
Anonco de li: Mi sendos lastajn E-poŝtstampojn kontraŭ 1 rkp po koverto kaj sendkosto (1 rkp por 4 kovertoj). Skribu ankaŭ pri malnovaj.

Ĝis 10.1.1974 atingis s-ron PAULSSON la pago de la membroj 1,3,7,8,11,16,19,22,28,32,34 (kiu donacis 72 svedajn kronojn), 39,44,45,58,59; aliaj kotizoj, espereble, estas survoje.

S-ro Stanislao BIESIADA; P.O.B. 44, PL-42 201 CZĘSTOCHOWA (Pollando) havas jeajn duoblaĵojn de stampoj: BEL 1, POL 1, JU 1, NED 1, kaj petas ofertojn. Li bezonas: AU 5 ni, 8 ve, 8 ni, 13/2, 15/3; BEL 5, BRA 1,2,3,4,5,8,9,10,13,16,22,23; BRI 3; BUL 1-1, 1-2; FRA 1,4,5,7,9,13; GER 4,5-1,5-2; HIS 1,2; ITA 1,2,6,12ni; JU 2-2 ni, 3,4-1,4-2, 12 ve, 15 ni; MON 4-a tipo PP; NED 4/1939; SVE 1,2; NOR 2.

## PRI LA STAMP+KATALOGO

Mi finis la prilaboron de sta-katalogo; ĝi enhavas ĉiujn uzitajn ĝis 31.12.1973. En multaj pozicioj ĝi ŝanĝiĝos pro novaj ekscioj de detaloj. Ĉiuj de mi demanditaj AREK-amikoj jesis dividon de GER al GER/GDR/GFR.

Nun mi serĉas manieron kaj eblecon de multobligo, eble baldaŭ mi trovos solvon.

Rudolf BRIMEISTER, W.Wolff-Str. 1
DDR-90 KARL-MARX-STADT, 30-95-39
(Germana Demokrata Respubliko).

# POR LA GLUMARKO-KOLEKTANTOJ

S-ro Gaston TREMON (31, rue Turgot, F-87350 PANAZOL, Francujo), komisiito pri glumarkoj, informas:

a) Resumita listo de glm aperintaj en 1972:

1) 37-a Novzel.E-kgr WELLINGTON/N.Z./ 6-10.1. H 45 x 39 bloko po 50 trĉ
2) 27-a kgr SAT-amikaro NARBONNE/FRA/2-4.4. V 35 x 40 dent. 5 x 2 = 10
3) 50-a Germ. E-kgr BRAUNSCHWEIG/GER/19-22.5. V 25 x 37 5 x 2 = 10
4) 2-a kgr ĉeĥa E-Asocio OSTRAVA/ĈSR/6-9.5. V 30 x 42 6x3=18 dent kaj nedent
5) 45-a SAT-kgr KUOPIO/FIN/22-28.7. V 32x44 trapik.
6) 10-a Somera E-Universitato GYULA/HUN/9-15.7 H 48x36 1x2=2
7) 14-a Barcelona Prov.E-renk. RIELLS DE FAY/HIS/18.5. H 47x35 3x2=6 diversaj x 4 koloroj = 24 diversaj
8) 3-a Int. E-tendaro KARL-MARX-STADT/GDR/24.7-1.8. H 50x37 3x2=6+talono.tut.
9) 57-a U.K. PORTLAND/Oregon/Usono/29.7-5.8. V 30x39 2x5=10 trapik.
10) 32-a Hispana E-kgr VIGO/HIS/20-25.7. V 28X42
11) 10-a Filatela Ekspozicio BUDAPEST/HUN/24.11-3.12. V 41x63
12) Int. Libro-jaro 1972 H 54x26 trapik.
13) Int. Libro-jaro 1972 H 82x21 tranĉ. 3 diversaj
14) Regiona E-kgr BALARUC LES BAINS/FRA/19.4. (C) ∅ 90 tranĉ.
15) 2-a celveturado al 5o-a Germ.E-kgr BRAUNSCHWEIG 19-22.5. (V) (85x90) tut.

16) 2-a Vintr. E-Ferio BUDAPEST/HUN/28.12-2.1. tranĉ (V) (35x50) Folio: x =
17) Olimpiaj Ludoj MÜNCHEN/GFR/1972 (V) 32x61. 32x80.26x73.20x55 tranĉ. 7 diversaj.
La listo estas nur provizora kaj neordigita; aldonoj kaj korektoj estas bonvenaj.

S-ro TREMON ankaŭ komparis la du eldonojn de la glm-katalogo "JENSEN"; temas pri interesa kaj uti la laboro, ĉar kiam oni indikas paĝon oni devas nepre klare indiki ankaŭ, ĉu temas pri la unua aŭ la dua eldono de la katalogo.
La unua eldono havas 62 paĝojn kaj listigas 722 numerojn de glm; la dua eldono havas 73 paĝojn kaj listigas 831 numerojn. Nur 24 paĝoj estas identaj ĉe la du eldonoj. Se iu kolektanto estas interesata je detala komparo, s-ro Tremon povas sendi detalojn kontraŭ 2 respondkuponoj.

AFRANKOSTAMPOJ

En numero 26 de Fenikso mi skribis, ke "nenio vere nova" aperis dum 1973 en la sektoro de E-afrankostampoj. Bonŝance mi eraris, ĉar aperis nova tipo de s-ro PICKEL: 85 NÜRNBERG 1/ ESPERANTO lingvo internacia/Universala/ESPERANTO-Kongreso/Hamburg 1974/ Ludwig Pickel/85 Nürnberg/Postfach 2113/ LVP.

Krome, s-ro BURMEISTER anoncas: "Mi serĉas Nürnberg 2 (1972) "Esperanto aktuell" de Pickel; bv kontroli viajn duoblaĵojn, ĉu de "E-solidareco" kaj de "U.K.Hamburg" ankaŭ ekzistas Nürnberg 2. De "E-Lehrbücher" kaj "E-aktuell" ekzistas Nürnberg 1 kaj 2!".

La unua ekzemplero de "U.K.Hamburg", kiun mi posedas, havas daton 18.9.1973; ĉu iu havas pli fruan ekzempleron? Antonio DE SALVO, Roma (ITA)

PRI LA STAMPO BERN 1947

Mi trovis ĉe kolektanto de svisaj stampoj interesan ekzempleron por E-kolekto, nome apudstampon de Svi sujo n.5. Sur ĉi tiu ekzemplero tute mankas la nomo de la urbo/BERN/ kie la 32-a U.K. okazis.

Mi opinias, ke ĝi estas unua tipo de la stampo/ĝis nun tute ne konata/ kaj certe uzata dum unua tago de la kongreso. Mi atendas la opinion de aliaj kolektantoj.

Stanislao BIESIADA, P.O.B. 44, PL-42.201 CZĘSTOCHOWA (Pollando)

PRAHA 1921

Kiel konate, en la jaro 1921 (31.7-6.8) oni uzis en Praha, okaze de la 13-a U.K., oficialan reko-glumarkon kaj porokazan E-lingvan poŝtstampon kun literoj "a" kaj"b", nigra koloro. Sur R-glm estas teksto "Praha XIII.Univ.Kongreso de Esperanto" kaj numero, kiuj estas bluaj. R kaj kadreto estas ruĝaj.

Ĝis nun oni konas R-glm kun jenaj numeroj: 5/ĉe s-ro Alois JAKUBEC el Hranice/ 18 ĉe s-ro Dolfa BARTOŜIK el Praha/ 15 ĉe s-ro d-ro František Švarc el Praha/ kaj 10 kaj 17. Entute 5 pecojn de R-glm mi konas; ĉu aliaj ekzistas?

Krome, malgraŭ ke la U.K. okazis de la 31-a de julio ĝis la 6-a de aŭgusto, en mia kolekto mi havas ankaŭ stampon (literon "a") kun dato 7.8.1921, 1800 horo; ĝi estas sur eltondaĵo. Kiu scias ion pri ĉi tiu afero?

Vladimir HASALA, Raškov (ĈSR)

ooooooooooooYYYYYYoooooooooooo

Pro manko de spaco, nur en venonta numero ni povos publikigi du interesajn artikolojn, respektive de s-roj TICHY kaj VÁŇA. Venonta numero espereble aperos en aprilo.